




6/2005
Oktobro/Novembro

**La hamburga Zamenhoffesto okazos**
**la 10an de Decembro 2005**
**ek de la 19a horo en la Esperanto-Domo.**
Bonvolu anonci vian partoprenon
ĉe Benno Klehr aŭ ĵaŭde en la klubejo.

## Litovio el sveda vidpunkto

En raporto pri vojaĝo al Litovio, Jörgen Städje el Svedio priskribas siajn travivaĵojn, spertojn kaj korektitajn antaŭjuĝojn. Antaŭ la vojaĝo li imagis, veni al lando kun la tipa aspekto de iama Sovetio, kiel oni tion imagas en okcidentaj landoj. Alveninte li konstatis, ke ne estas Siberio, sed Centra Eŭropo: La pejzaĝo similas al Svedio kaj la homoj ankaŭ ne estas tute fremdaj. Speciale en Vilnius oni vidas la grandajn progresojn en la evoluo de la litova ekonomio.
Ĝi jam nun similas al aliaj kulturaj urboj en Eŭropo. Städje supozas, ke post kelkaj jaroj la tuta lando povos atingi EU-nivelon, ĉar la homoj estas ege laboremaj. Turistoj en Vilnius tuj vidas, ke ekzistas multegaj restoracioj francaj, italaj, hindaj, ĉinaj kaj aliaj, sed Städje proponas, forgesi pri ĉio ĉi, se eblas ricevi litovan manĝaĵon. Svedoj speciale miras pri la deko da diversaj brunaj kaj nigraj panspecoj - hejme ili kutime nur havas unu blankan specon. Ankaŭ la biero impresas la turistojn: Skandinavoj ne kredas la malaltajn prezojn, dum Germanoj povas ĝoji pri la bona gusto kaj la "pureco".
Fakte Litovio eĉ sen kongreso estas vizitinda lando.

BK

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

**Karaj legantoj,**
En tiu ĉi jaro ni ne partoprenis en la ekspozicio **Du und Deine Welt**, kiel ni kutimis dum la pasintaj pli ol dek jaroj. Fakte ni volis partopreni ankaŭ ĉi-jare, sed evidente oni ŝanĝis la regularon sen informi nin.
*Elsbeth Bormann* antaŭ multaj jaroj interkonsentis kun la organizantoj specialan rabatan prezon. Tiun rabaton ni poste aŭtomate ricevis ĉiujare. Nun tio

Redaktofino de




n-ro 1/2006: 15-11-2005

**Sentenco**

Oni ne povas antaŭvidi,
kio okazos - speciale kiam
temas pri estonteco

*UEA-prez. Renato Corsetti dum UK en Vilno*

ne plu validas. Do la kostoj por la ekspozicio fariĝos tro altaj por nia societo. Ŝajnas, ke Hamburg-Messe nur volas gajni monon per komercaj entreprenoj, kiuj povas pagi.
Ni ne scias kian novan koncepton oni havas por **Du und Deine Welt**, sed venontjare ĝi okazos en alia monato, de la 18a ĝis la 26a de Novembro.
En 1992 post **DDW** venis al nia provleciono 60 personoj, dum la lastaj jaroj nur estis kelkaj. Ni investis multan tempon kaj monon sen la necesa sukceso.
Ni nun devas pripensi, kiajn alternativojn ni havas por efike varbi por nia afero.

*Benno Klehr*

**Nia programo**

| Oktobro | Novembro |
|---|---|
| 6 *Rudi Haberland*: **Historio de Nederlando** | 3 **Malnovaj fotoj** |
| 13 *Klaus Friese*: **Ni kune kantu** (laŭ *Adoru* kaj aliaj) | 10 **18 h Estrarkunsido**<br>**20 h Lingvaj Ludoj** |
| 20 *Delia Pick*: **Diapozitivoj pri *Urugvajo, Paragvajo* kaj la akvofaloj de *Iguaçu*** | 12 **Sabato**, 13:00 h<br>*Mariko Aoshima*: **komuna ĉina kuirado (kostoj: 10 EUR)** |
| 25 *Gerald Roemer*: **Prezentado de Ĉinaj manĝaĵoj** (Inaŭguro al la temo de la kuirkurso la 12an de Novembro) | 17 **Klubaj Aferoj** |
| | 24 *J. Wulff, R. Glomp*: **Per aŭto tra Pllando al Litovio kaj reen** |
| | **Decembro**<br>1 **Kristnaska Kantado**<br>8 **prep. por sabato**<br>10 **Zamenhoffesto** |

## Lernejoj

La 14-an de Julio fondiĝis nova

## Franko Luin mortis

La 15an de Septembro 2005 post

| | |
|---|---|
| laborgrupo (Vesna Staniĉiĉ-Burchards, Frank Merla kaj Klaus Friese), kiu traktas la demandon, kiamaniere konvinki lernejojn pri la uzado de Esperanto dum anstataŭa instruado.<br>Subtenantoj estas bonvenaj.<br>*klaus_friese@yahoo.de* | mallonga severa malsano mortis la internacie pro movadaj aktivaĵoj, tradukoj, kantotekstoj litertipoj kaj elektronikaj libroj konata sveda esperantisto en aĝo de 64 jaroj.<br>Ni kondolencas al edzino Ulla kaj filo Janko. |

| **Ŝlesvig-Holstinia Esperanto-Ligo** |
|---|

Christian Darbellay, Kaiserstr. 39 - 24143 Kiel
Tel. 0431/ 73 77 88 - Esperanto-Kiel@web.de

La estraro decidis okazigi la ĉijaran SHELO-renkontiĝon en Raisdorf apud Kiel. **Dum tiu aranĝo ni invitas vin kore al**

**Jara Kunveno de SHELO** 2005
Dimanĉon la 16an de oktobro 2005 je la 13:30 horo
**en la Restoracio *Schwentinepark*, Raisdorf**

**Tagordo**

1. saluto de la prezidanto
2. raportoj de la estraro
3. raporto de la kas-revizoroj
4. senŝarĝigo de la estraro
5. honorigoj... ktp.
6. diversaĵoj / raportoj de diversaj membroj
7. venonta jarkunveno




# Programo

10:50 Alveno en Raisdorf - Promenado de la stacidomo al la restoracio *Schwentinepark*

12:00 Tagmanĝo

13:30 Jarkunveno de SHELO

15:00 Promenado tra la parko Schwentinepark ĝis *Villa Fernsicht* + Kafoklaĉo

17:05 Foriro de Raisdorf

Bonvolu anonci vian intencon partopreni ĉe Christian Darbellay.

## Trajnoj el Hamburg al la SHELO-jarkunveno

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Alvojaĝo | HH-Hbf | Neumünster | Kiel (ŝanĝi) | Raisdorf |
| | 09:20 | 10:16 | 10:36/10:42 | 10:50 |
| Revojaĝo | Raisdorf | Kiel (ŝanĝi) | Neumünster | HH-Hbf |
| | 17:05 | 17:14/17:21 | 17:41 | 18:38 |

Re al Esperanto en Hamburg